# ESPERANTISTO SLOVAKA

ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO-INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO:

T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29., ČSR, Slovakujo.

III-a JARKOLEKTO • DECEMBRO 1948 • NUMERO 12 (30)



Zilina — panoramo kun la paroĥeja preĝejo



Žilina — sporta stadiono

# VIZITU ĈEĤOSLOVAKION, LANDON DE PROGRESA TEKNIKO KAJ SOVAĜA ROMANTIKO!

Žilina kaj ĝia ĉirkaŭaĵo (nordokcidenta Slovakujo) — pejzaĝo de eksterordinaraj naturbelaĵoj! — Malgranda Fatro, eldorado por eŭropaj turistoj kaj skiistoj!

Slovakujo, lando de montaroj, arbaroj, akvofaloj, ŝtonaj masivoj kaj belegaj deklivoj estis ĉiam centro de intereso de naturamantoj ne nur hejmaj, sed ankaŭ eksterlandaj, kiuj ŝatis ekkoni ĉi tiun parton de Eŭropo, riĉan je misteraj belaĵoj. Fremdlandano, deziranta vidi Altajn Tatrojn, nomatajn ankaŭ Malgrandaj Alpoj, trovas landon de antaŭ nelonge malmulte konata malgranda slovaka nacio. — Ĉeĥoslovakio, speciale Slovakujo, kvankam teknike — en la lasta tempo — progresanta, tamen restas prototipo de netuŝita arta kreado de patrino-naturo kaj de ĝiaj nekatenitaj fortoj.

Žilina — malnova strato



La vizitanto, alveninta de la proksima Moravio kaj Ĉeĥio aŭ de la ŝtatoj de eŭropa okcidento, sudo kaj nordo, nepre devas traveturi la nordokcidentan Slovakujon, kies trafika, industria, komerca kaj turista centro estas la urbo Žilina. Sed eĉ la vizitanto, kiu alvenas de eŭropa oriento, sudo, Mediteraneo aŭ de

landoj transmaraj, ne devas eviti la romantikajn valojn de Malgranda kaj Granda Fatroj, Martinaj Nudmontoj kaj la historian urbon Žilina. Ĝia ĉirkaŭaĵo estas loĝata de originala, laborema kaj bonkora popolo, kies mirinda talento kaj artsento prezentiĝas en tipaj kostumoj, loĝeja kulturo kaj ornamarto, kantoj, dancoj, kostumoj ktp.

Jam el la aviadilo,

ŝvebanta super Žilina, vi povas konstati, ke la urbo estas de tipo ŝaktabula. Jam en la jaro 1312 ĝi nomiĝis „civitas". Ĉi tie, super la kunfluo de riveroj Kysuca kaj Váh ekestis en la XIII-a jarcento la fortikaĵo Budatín, kies gotika turo estas la plej malnova atesto de koloniigo. Ĉar la ĉirkaŭaĵo de la kastelo tre suferis pro inundoj, la urbo mem ne estiĝis ĉi tie, sed je la maldekstra riverbordo de Váh, sur alta diluvia teraso, kiel vojkruciĝo de 5 longvojoj. La belega kvadrata ĉefplaco, ĉirkaŭita de unuetaĝaj domoj kun arkadoj, estas tre plaĉa kaj simetria urbocentro. La arkadoj aspektas bele precipe vespere kaj nokte, kiam ili estas belguste lumigitaj.



Žilina — la centra placo

Interesaĵoj el la urba historio.

La urbo estas menciata unue en 1208 kiel *Terra de Selina* (la nomo estas slovakdevena). En la fondletero de la prahaa episkopejo tiu ĉi teritorio nomiĝas „provincia Vagh", apartenanta al urbo Krakovo (Polujo). Žilina travivis plurajn militruinigojn, bruligojn, inundojn kaj plifoje ŝanĝis posedantojn. En 1610 ĝi jam havis propran presejon, prosperin-



Žilina — la centra placo



La banloko Rajecké Teplice



Považský hrad

tan tutan jarcenton. Paralele kun la evoluo de metioj kaj poste de industrio, ĝi fariĝis grava industria, komerca kaj ekonomia centro de la tuta nordokcidenta Slovakujo.

En kulturpolitika evoluo de Slovakoj

urbo Žilina ludis gravan politikan rolon en 1848, kiam la slovaka revolucia soldataro venkis la registarajn hungarajn trupojn ĉe Budatín, de kie ĝi procedis tra la intermonto de Strečno al T. S. Martin. Post preskaŭ 100 jaroj Žilina kaj ĝia ĉirkaŭaĵo havis denove grandan signifon en la slovaka nacia revolucio kontraŭ la germana okupado kaj por liberigo kaj restarigo de Ĉeĥoslovaka respubliko.

Je fino de la XIX-a jarcento funkciis ĉi tie D-ro Dušan Makovický, estinta persona kuracisto de L. N. Tolstoj en Jasnaja Poljana (Rusujo).

La evoluon de la urbo tre rapidigis la konstruo de la fervojo Bohumín—Košice en 1870 kaj tiu de Váh-vala en 1883. La nombro de loĝantoj en 1842 estis 2347, en 1934 jam 18.300 kaj hodiaŭ ĝi nombras pli ol 20.000.

Evoluinta industria centro.

En urbo Žilina troviĝas gravaj industriaj entreprenoj, kiel la plej granda slovaka teksaĵfabriko, celulozfabriko, ĥemia, farmakologia fabriko, entrepreno por fabrikado de telegrafstangoj kaj impregnado de ŝpaloj, por produktado de viraj kaj virinaj vestaĵoj, por fabrikado de kontora kaj loĝeja meblaro k. bildkadroj, por lignoprilaborado, por kozmetikaj produktaĵoj, por konstruado de kampofervojoj, elektraj aparatoj, fabrikado de kuraciloj, por prilaborado kaj konzervado de fiŝoj, por produktado de mustardo, por fontoplumoj kaj kra-

jonoj ktp. En la proksima *Lietavská Lúčka* estas granda moderna cementfabriko, kiu produktas la mondkonatan „portlandan cementon". — La stadiono de la sportklubo ebligas al la junularo kulturi ĉiuspecajn somerajn kaj vintrajn sportojn. — La proksima monto Straník (770 m) estas vizitata de en- kaj eksterlandaj senmotoraj aviadistoj, pro klimataj kondiĉoj, favoraj al ĉi tiu moderna, ŝatata sportspeco. Tial ekestis ĉi tie modernaj hangaroj kaj loĝdomegoj



Budatín

Historiaj restaĵoj de l'epoko de feŭdalismo.

Kiel la tuta Slovakio, ankaŭ Žilina posedas sur strategiaj altaĵoj pli da memoraĵoj de la mezepoka feŭdalismo, kiuj hodiaŭ elstaras nur kiel malvarmaj ruinoj de estintaj loĝejoj de landsinjoroj, estroj de vivo ka morto de ĉiu servutula, laboranta kaj impostpaganta popolo. En la ĉirkaŭaĵo de Žilina ekzistas ses tiaj kastelruinoj.

Kastelo Budatín.

Oni ne konas, kiam ĝi estis fondita. Reĝo Mateo Korvino (1458—1490) donacis ĝin al nobelo Gasparo Sunek el Jesenice kaj en posedo de ĉi tiu familio ĝi restis pliajn jarcentojn. En 1848 ĝi estis forbruligita. Nun ĝi transformiĝos je muzeo. — Bela ekskursloko estas la kastelo

Lietava,

de kiu estas bela elrigardo al la montaro Malá Fatra (Malgranda Fatro), montkresto en la regiono Kysuce, Martinské hole (Martinaj nudmontoj) kaj la valo de Váh. Ĝi nomiĝas laŭ la pagana slava diino Lietva.



Lietava



Strečno



Starý hrad

Kastelo Strečno

staras oriente de Žilina, super maldekstra bordo de Váh, sur kruta rokejo Bieda (Mizero). Ĉi tie loĝis en la XIII-a jarcento Mateo Čák, el Trenčín, nomita sinjoro de Váh kaj Tatroj. Je fino de la XVII-a jarcento detruigis ĝin kun pluraj vahvalaj kasteloj imperiestro Leopoldo I. — Sur la alia bordo de la rivero Váh, post la fervojpontoj, kondukantaj al la tuneloj de Strečno, sur la montkrestkalkano de Malgranda Fatro, kiel pordego en la intermonton de Strečno staras

Starý hrad (Malnova kastelo),

kiu estis versimile fortikigita sprono kaj apartenis ankaŭ al Mateo Čák kaj al la reĝa krono, poste al familio Pongrác. Ĉi tie povas pli postulemaj turistoj aŭ pli bonaj skiistoj komenci belan, sed lacigan montkrestvojon sur unu el la plej belaj montaroj en ČSR. Post la monto Plešel (998 m), Suchý vrch (pron. Suĥi vrĥ — Seka monto, 1468 m), la turisto atingas la pinton Fatranský Kriváň (Kurba monto de Fatro,1468 m) kaj poste la plej altan Veľký Kriváň (Granda K., 1717 m), de kie malfermiĝas belega aspekto al la Granda Fatro, Nudmontoj de Liptov kaj Altaj Tatroj. La krestvojo daŭras tra Chleb (Ĥleb, 1644 m), Stoh (1608 m), sub la monton Veľký Rozsutec (1606 m), poste desupren tra la valo Bystrička en urbeton Kraľovany al la rapidvagonara stacio, aŭ en vilaĝon Ištvánová kaj tra la valo Vrátna en vilaĝon Terchová (Terĥová). La vojaĝo daŭras 14 horojn, sed povas esti dividita en du partojn, kun tranokto en la moderna monthotelo de Klubo de slovakaj turistoj kaj skiistoj sub Chleb. — Sude de Žilina, en la valo de Váh, troviĝas la ruinoj de la kastelo

Hričov,

tra kiu estas la plej bela aliro al la Rokegoj de Súľov. Sub la kastelo troviĝas alta ŝtonkolono, kiun bela popolrakonto nomas „ŝtoniĝinta monaĥo“. La kastelo staras sur la lasta ĉenero de Rokegoj de Súľov, alta 567 m. Pli sude, sur la dekstra bordo de Váh elstaras la kastelruino en

Považská Teplá,

kiu estas dankema finigo de 6-hora vojo el la bankolo Rajecké Teplice, sub Žibrid (868 m), la plej alta monto de Rokegoj de Súľov, tra la vilaĝo Hradná, poste sub monto Teplá tra kolonio Záskalie kaj du belegaj intermontoj de Manín, post refreŝiĝo ĉe fonto de minerala akvo sub Manín, en urbeton Považská Teplá. — Ĉi tiuj estas jam ekskursoj al la okcidente kuŝantaj

Rokegoj de Súľov,

triasa konglomerato de plej bizara formo (estas videblaj statuoj de hundoj, leonoj, fungoj, tutaj grupoj de ŝtoniĝintaj homoj, „genuanta kavaliro“, ŝtonaj orgenoj, gotika templo ktp.)

Rajecké Teplice

estas romantike kaŝita banloko, 16 km sude de Žilina kun termala akvo, kuracanta isĥimalsanon, reŭmatismon, kormalsanojn ktp. Ĉi tie troviĝas granda strando kun institutoj por kuracado kaj rekreado. — La valon de Rajec tre volonte vizitadas amantoj de fiŝkaptado, ĉar en la supra parto de la torento Rajčianka, same kiel en la torentoj de ceteraj valoj de Malgranda kaj Granda Fatroj estas multe da trutoj.

La rokegojn de Súľov elserĉadas ne nur turistoj kaj montgrimpistoj, sed ankaŭ botanikistoj, ĉar ĉi tie ili povas

Hričov



La banloko Rajecké Teplice





Malgranda Fatro



La Rokegaro de Súľov

riĉigi siajn herbokolektaĵojn per raraj specoj de floroj kaj herboj. ekz. endemitoj.

La plej bela kaj vizitata montaro en la ĉirkaŭaĵo de Žilina, same en somero kiel vintre, estas

Malá Fatra (Malgranda Fatro)

en longeco de 50 km aerlinie, kiun dis-ŝiras la rivero Váh ĉe Strečno. Modernaj kabanoj de Klubo de slovakaj turistoj kaj skiistoj sur Pleŝel, Chleb, kaj Roz-sutec kaj la rekreadcentro en Ištvánová faras el ĝiaj terenoj, unikaj en Eŭropo. veran skiistan eldoradon, bedaŭrinde ankoraŭ ne sufiĉe konatan. La konstruo









Malgranda Fatro

de skiista lifto el la valo Vrátna (kiu estas formata de simila grupiĝo de ŝtonaj masivoj kiel la rokegoj de Súľov) faros la menciitajn idealajn skiistajn terenojn atingeblaj al ĉiu amanto de vintraj belajoj kaj sportoj.

De klimatologia vidpunkto estas interesa, ke la vilaĝo Varín, kuŝanta senpere sub la Malgranda Fatro, havas plej multe da jara pluvaĵo (pli ol 1400 m) ne nur en ČSR, sed ankaŭ en Centra Eŭropo. La alto de la neĝtavolo estas en Malgranda Fatro pli granda ol sur la ceteraj slovakaj montaroj, ĉar la influo de oceana klimato estas ĉi tie plej mai-



Chleb

↓ Rozsutec ↓









Malgranda Fatro



multe malfortigita. La unua neĝo falas ordinare eĉ duonmetron dika, jam en la unua duono de oktobro, en malsekaj jaroj jam en la dua, ofte eĉ en la unua duono de septembro. La neĝo restas ĝis malfrua printempo kaj la neĝkovrilo estas la plej alta en la unua duono de marto.

Interesa estas la vegetaĵo de Malgranda Fatro, kie alternas bazo granita kaj kalkoŝtona. Sur kalkoŝtono kreskas pli riĉa vegetaĵo. Raraĵo de Veľký Kriváň estas Salix retusa kaj Delphinium oxycephalum, kiuj troviĝas nur en la Tatroj de Belá (kalkoŝtona daŭrigo de granitaj Altaj Tatroj). Sur Kriváň troviĝas limigite ankaŭ Salix Jaquinii kaj alpa neĝfloro. Endemitojn oni malkovris ankaŭ sur la dolomita Rozsutec (1606 m).

Sur kresto de Malgranda Fatro, sude de la interrompo de Strečno, sur Martinské hole (Martinaj Nudmontoj), staras tre vizitata, ankaŭ per aŭtomobilo atingebla kabano de Klubo de slovakaj turistoj kaj skiistoj kun eminentaj skiterenoj en la ĉirkaŭaĵo (Veľká lúka — Granda herbejo, 1477 m)



Sur la monto Plešel



Resanigejo en la valo Vrátna

Čičmany kaj Terchová — Tipaj slovakaj vilaĝoj.

Ilia plej granda specialaĵo estas la popolkostumoj. La viroj en Čičmany portas blankajn tolajn ĉemizojn, riĉe kolore broditajn; al tio apartenas blankaj kalsonoj kaj drapaj lanjakoj kun ruĝaj brodaĵoj. Ili portas ankaŭ larĝan ĉapelon kaj anstataŭ botoj rimenŝuojn. — La virinoj portas sur la talio longan ruĝan lanan zonon, du antaŭtukojn (unu antaŭe, alian malantaŭe), krome pantoflojn el blanka lano, buntkolore broditajn. Speciala estas ankaŭ la frizaĵo de virinoj, kiu formas sur ambaŭ flankoj de la



La „Kabano de Libereco"



Turista kabano sub la monto Chleb



Čičmany — virinoj



knabinoj ↑ ↓ viroj



kapo iajn harglobojn, kaj kovras ilin per aparta brodita kufo. — Ankaŭ familiaj domoj estas originalaj. La fundamento estas el ŝtonoj, sur kiuj oni metas lignotrabojn enkojnigitajn. La konstruaĵoj estas eĉ unuetaĝaj kun balkonetoj kaj per kalko ornamitaj kolonoj. Ankaŭ la eksteraj muroj estas beligitaj per kalkpentritaj ornamaĵoj.

Dua simila vilaĝo estas Terchová (Terĥová) sub Malgrando Fatro, naskiĝloko de la nacia heroo Jánošík, rabista rebelo kontraŭ la feŭdaluloj kaj defendanto de rajtoj de servutuloj. — La viroj portas ĉapelon kun larĝa tegmento, palbluajn jaketojn, kalsonojn ornamitajn surflanke per verdaj ŝnuroj. — La virinoj portas en labortagoj kolorajn jupojn, dimanĉe nigrajn antaŭtukojn, nur en preĝejon oni surprenas blankajn. —

La slovaka popolo, unu el la plej malgrandaj slavaj nacioj, ekloĝinta sur la vojkruciĝo de eŭropa historio, estas bone konata pro sia gastameco. Eĉ la proverbo diras: „Gasto en domon — Dio en domon!“

---

Slovakotour, loka grupo por fremdultrafiko en Žilina, stacidomo, Slovakio-ČSR, kune kun la loka grupo de la Klubo de slovakaj turistoj kaj skiistoj, volonte donos al ĉiu interesulo pluajn informojn pri eblecoj kaj kondiĉoj de restado en kiu ajn turista kaj rekrea centro de Žilina kaj ĝia ĉirkaŭaĵo!

Grava atentigo!

Ni interŝanĝas nialandan turisman kaj fremdultrafikan propagandan materialon (prospektojn, turismajn afiŝojn kaj mapojn, fotopublikaĵojn kaj fotobildkartojn pri naturbelaĵoj kaj historiaj memorindaĵoj, turismajn kaj memoraĵ-gvidlibrojn kaj diversajn porturismajn kaj geografiajn gazetojn) kontraŭ similaj de via lando! Bonvolu sendi kaj skribi je adreso: Slovakotour, ŽILINA - stacidomo, Slovakio, ČSR.

# Kristnaska deziro!

„Sonu kristnaskaj, sonegu sonoriloj,
Krevu pro son' via ĉiuj bataliloj,
Ekregu jam paco eterne daŭranta!"
— Jen kristnaska dezir' de l' hom' esperanta. —

*Št. Seemann.*

---

AL ĈIUJ GESAMIDEANOJ, kiuj dum la pasinta jaro amike interesiĝis pri la sorto de nia revuo, kaj per propagando, kunlaboro, mondonaco aŭ alimaniere helpis al ni venki la malfacilaĵojn, kiujn ni tiel ofte trovis, ni esprimas nian plej koran dankon.

Estus dece publikigi la nomojn de ĉiuj ĉi tiuj gesamideanoj — sed ni petas ilian pardonon, ke ni tion ne faras, ĉar ni kredas, ke ili helpis al ni pro sia amo al la afero kaj ne por vidi sian nomon publikigita. *Ilia merito estas daŭra* — kaj tio ĉi konvinko estu por ili la plej bela rekompenco. Ni niaflanke klopodos daŭre fari por ili bonan revuon kaj petas ilian pluan favoron. La abonprezo por 1949 estas Kčs 70.—, por eksterlando Kčs 80.—.

*Diversflankeco de Esperanto.* La akademion — okaze de nia II-a tutslovaka kongreso en Košice-ĉeestis ankaŭ Jozefo Čársky, katolika episkopo, apostola administranto, kiu sendis al la Loka Kongresa Komitato dankan leteron. Ni citas el ĝi:

„... *Mi gratulas al la sukcesa akademio, kiu estis laŭ enhavo kaj prezentado sur alta nivelo, kaj al belege prezentata kantado je la sankta meso, kiu estis bona propagando por la Esperanto-Societo. Al la klopodoj de via Societo, kiu estas tiel proksimaj al la principoj de Evengelio, mi petas de Dio abundan benon* ..."

La akademion komencis nia plej juna, 9-jara s-ano Andreo Valjan el Sobrance Partoprenis ĝin kun belaj solo-kantoj s-ano Frant. Jakubec el Brno-Židenice, s-ano L. Takáč k. s-anino E. Kremerová el Košice, kun deklamoj E. Kočiščáková el Košice k. A. Mahrová el Bratislava, kiu i. a. deklamis ankaŭ poemon de nia patrono komisiito Laco Novomeský el la poemaro „Dimanĉo", plue la gejunularo de la Societo de la Skta Rozario kun ĥora deklamo de „La homo", sub gvidado de s-ro J. Belobrad k. kun mandolina koncerto sub gvid. de P. M. Lexmann La Ĉehoslovakan himnon, la esperantistan popolkanton, dediĉitan de D A. K. al la kongreso kaj la esperantistan himnon kantis la tuta ĉeestantaro.

Ni menciu ke ankaŭ la katolika preĝejo de la dominikanoj estis plenigita kaj ĉiu kantis entuziasme esperantlingve. La meson celebris s-ano Sedlák el Ĉeĉejovce, predikis P. Mikuláš Lexmann esperantlingve, solon kantis s-anino Kremerová. Ankaŭ la evangelia preĝejo estis bone vizitita. Kortuŝe predikis nia malnova s-ano Z. Marenčín el Chmeľov, la solon kantis s-ano L. Takáč el Košice. Ankaŭ ĉi tie la piaj kantoj sonis esperantligve.

*Konstitucio de ĈSR*, informa broŝureto, eldonita en poŝformato sur bela papero kaj presita senerare per plaĉaj tipoj, estas necesa por ĉiu eksterlandano, kiu volas informiĝi pri la bazo de evoluo okazanta en la nova popoldemokrata respubliko. Vi povas ricevi ĝin kontraŭ respondkupono de Instituto de Esperanto-Servo, PRAHA-II., Malá Štěpánská 7. Krome vi ricevos 1. kaj 2. n-rojn de Informa Bulteno, kun almetita kupono, sur kiu vi povas skribi viajn rimarkojn, sugestojn, konsenton aŭ abnegacion. Eldonis ĝin IES en Praha, kun helpo de ministerio por informoj.

*Anoncetoj.*

F-ino Viera Ĉupková, oficistino, LIPT. SV. MIKULÁŠ, Tomášikova 14, ĈSR, dez. kor. per. il. pk.

S-ro Rudolf Krátky, 26-ja., KUBRA, p. Trenčín, ĈSR, dez. iŝ. il. pk. kun la tuta mondo.

S-ro J. V. Dolinský, lernejestro, T. S. Martin, ĈSR, dez. kor. pri folkloro, precipe pri popolaj kantoj, muziko kaj muzikiloj. Seriozajn leterojn pri tiu ĉi temo li respondos certe.

Kiu fremdlandano deziras korespondi kun slovaka artpentristo pri arto kaj aliaj temoj, skribu al Martin Benka, T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 37, ĈSR, Slovakujo.

S-ro Jozef Vítek, konigas sian novan adreson: PRAHA II. Na Zderaze 3, u p. J. Bušty, holiče.

*Interŝanĝe* kontraŭ pm. el tuta mondo, uzitaj aŭ neuzitaj, bele stampitaj, kun bildo pri: bestoj, birdoj, flugmaŝinoj, aŭtoj, fervojoj kaj ŝipoj — mi sendas ĉeĥoslovakajn aŭ iamajn slovakajn uzitajn aŭ neuzitajn pm. Sendu nur en rekomendita letero, laŭeble aerpoŝte al S-ro *M. Ursiny,* drogisto, eksprezid, de Slovaka filatelista klubo. T. S. MARTIN. Slovakujo ĈSR.

S-ro Ant. Mazal, univ. stud., OLOMOUC, Žerotínova 2, dez. kor. pri skoltado, muziko kaj legado.

S-ro Miloš Pilipovič, (slovako), Strožona 69, KISAČ, Bačka, Jugoslavio. dez. kor.

Gekursanoj de s-ino Milda Jakubcová, BRNO 15, Potácelová 70, ĈSR, dez kor. kun tutmondo, precipe kun univesitatanoj.

S-ro Ivan Fiala, stud., VEĽKÝ FEDÝMEŠ pri Galante, ČSR-Slovakio, dez. kor. kun ĉ. l; certe respondos.

Kvar studentoj: Č. Gojný (23-ja., medicino), A. Diviš (23-ja. juro), J. Řihák, (21-ja., tekniko), J. Laštovica (23-ja., medicino), dez. kor. kun ĉ. l. Adreso de ĉiuj. BRNO 15. Nopova 86, ČSR.

S-ro Maxo Šesták. teknika oficisto, BRATISLAVA, Palisády 46, ĈSR, dez. kor. kun ĉiuj landoj. Certe respondos.

S-ro Milan Lezo, 22-ja altlernejano, VRÚTKY, Priekopa 334. ĈSR-Slovakio, dez. kor. kun tuta mondo kaj iŝ. il. pk. Certe respondos.

F-ino Marta Hajdu, 21-jara oficistino, LIPT. SV. MIKULÁŠ, Bellova 4., ĈSR, dez. kor. kun. t. m., iŝ. pk. kaj pm. Certe respondos.

*Artikolojn, informojn pri teatro* (precipe amatora kaj pupeta) por publikigo en porteatra revuo ricevi kaj interŝanĝi deziras kun ĉiuj landoj s-ro *Eduard V. Tvarožek*, redaktoro, T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29, ĈSR, Slovakujo.

*Tutmondaj kuracistoj-esperantistoj*, sciigu vian adreson al D-ro Ludo Izák, fakkuracisto, sekretario de Slovaka Esperanto-Instituto, T. S. Martin, ĈSR-Slovakujo! Vi ricevos sinsekve diversajn informilojn.

(Redakcioj de samideanaj gazetoj estas petataj represi ĉi tiun sciigon.)

S-ro Karel Hájek, HODĚJOVICE č. 1, p Č. Budějovice, ČSR kor. pri ĉ. t., iŝ. il. pk. pm.

F-ino Kornelia Lichnerová, stud. de naturaj sciencoj, TRNAVA. Benešovo nám. 5, ČSR, dez. kor.

S-ro Gustáv Rumánek, peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ČSR-Slovakio, dez. kor. kun tuta mondo Certe respondos.

S-ro Jozef Havel, kontrolasistento, LIBŇATOV, pp. Úpice, ČSR kolektas etikedojn de alumetskatoloj. Samideanoj tutmondaj, alsendu al mi vialandajn! Mi rekompencos vin laŭ via deziro k. respondos al ĉiu.

Dektri 18-jaraj lernantinoj de instruista akademio dez. kor. kun eksterlandaj samideanoj. Skribu al Emilio Marušíková, TURČIANSKE TEPLICE, Učiteľská akademia.

*Gekursanoj de ŝtata gimnazio*, 15—18 jaraj dez. kor. kun samaĝuloj tutmondaj. Skribu al Danica Izáková, T. S. Martin, Horváthova 12, ČSR, Slovakujo.

BILDKARTOJ EL TRENČÍN.

Dum pasintaj monatoj aperis en Trenčín 90 diversaj specoj da il. bildkartoj kun esperantaj tekstoj. La bildkartoj prezentas vidindaĵojn de urbo Trenčín kaj Váh-valo kaj estas bonege uzeblaj ĉe esperanta korespondado.

*Mendeblaj ĉe:* Esperanto-Servo, Trenčín, Pod Sokolicami, ČSR-Slovakujo. *Prezo por eksterlando:* 1 serio 7 rpk, 1 kolekto 32 rpk.

Eksterlandanoj bonvolu sendi esp. librojn, se rpk ĉe vi estas malfacile riceveblaj aŭ petu vian slovakan aŭ ĉeĥan korespondanton, ke li prizorgu al vi sendaĵon.

Bildkartojn oni ekspedos poŝtrevene post ricevo de via pago.

# Niaj perantoj.

BELGUJO: S-ro *Tousseijn Camile*, 35 Statiestraat, Jabbeke. Jarabono bfr. 70.—.
FINNLANDO: *Eldono Vilho Setälä*, Kommandittiyhttiö, Onnentie 23 Helsinky — Kä. Jarabono: fmk 250.—.
FRANCUJO. S-ro *Jules Coste*, Cité du Moulin de-Senlis, Montgéron, (S. & O.); poŝtĉekkonto: C. C. P. 45123 Paris. Jarabono: ffr. 420.—.
NEDERLANDO: S-ro *I. Schoon*, Ooievaarstraat 9, Haarlem—N, Jarabono: gld. 4.—.
SVEDUJO: *Eldona Societo Esperanto*, Fack 19071, Stockholm, Jarabono: 5,75 sv. kr.
SVISLANDO: S-ro *Otto Walder*, Eigenheim, Romanshorm. Jarabono: svfr. 6,75.

Samideanoj en koncernaj landoj kun reprezentanto estas petataj pagi al sialanda reprezentanto.

Por landoj, kie ni ne havas reprezentanton, la jarabono por la jarkolekto 1949 estas 16 internaciaj respondkuponoj aŭ esperantaj libroj en valoro de 6,75 svisaj frankoj = 8 anglaj ŝilingoj = 1,60 usonaj dolaroj.

---

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.


OSLO
HELSINKI
STOCKHOLM
LENINGRAD
KOBENHAVN
LONDON
AMSTERDAM
WARSZAWA
BRUXELLES
PRAHA
ŽILINA
PARIS
STRASBOURG
ZURICH
WIEN
BUDAPEST
MARSEILLE
BUKURESTI
BEOGRAD
ROMA
SOFIA
ISTANBUL
ATENAI